# PENSEO

N-ro 268

feb. / 2014

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 25-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm


## Anteo (Ĉinujo)



### Lupinfano

infano kreskis kune kun lupoj.
ĝi laŭ lupeco agis home.
budho savis knaban lin en templon.
plante li vivas kontraŭ homeco.
infano kreskis kune kun lupoj.
ĝi laŭ lupeco agis home.
budho savis knaban lin en templon.
plante li vivas kontraŭ homeco.



### Profetaĵo: pereo de la nacio

sur la fekunda kaj olda tero
tro multaj malfortuloj nutras multajn
potenculojn,
kiuj migrigas siajn idojn en krimujojn je ŝtata
elspezo.
hibridoj revene okupos kaj buĉos la landon
kadukan.



### Kredo je mensogoj

dopilo majstrigas frenezulojn;
fakuloj prenas sian generilon por ginsengo.
morto estas vivo, kaj mortigo, savo transpaŝi
tri mondojn.
perdo estas gajno, do okupateco, venko.

### Kontentigo de bezono

mi faris domegon nur el alumetoj.
en ĝi mi spektis erotikan filmon.
vento ĝin faligis. amitabo!
la magia vorto savis min. sanktulo ja naskiĝis.



## Nazaré Laroca (Brazilo)



### Itinero

Pri manĝo pensas la korpo;
pro enu' l' anim' rifuzas
panon sen filozofio:

tiu, kiu salas glacion
de l' mantel', kiu min protektas
ĝis ĉio plenumita
fine de tiu rekomenco.

### Advento

Televidprogram'
fama al ni trudas

la devigan neceson
de l' *ĝusta mezuro,

Laŭ rafinita model'
de la vanteca
konsummerkat'.

Kaj ĉe la neeltenebla
tumulto de l' stratoj,
la senĉesa pluv' decembra
anoncas la tempon tute
malplenan el Kristnasko.

**Popolara brazila televidkonkuro, en kiu artistoj klopodas malgrasiĝi ĝis atingo de plej ĝustaj korpmezuroj.*

## Mori (Usono)



### Mi volas...

Mi volas kredi je Universo-Dio
sed malhelpas min mia religio!

Mi volas esti fidela amiko
sed malhelpas l' ondoj de Politiko!

Mi volas esti ja honesta homo
sed malhelpas bestoj kun homa nomo!

Mi volas vivi samkiel kolomboj
sed malhelpas min militoj kaj bomboj!

Mi volas esti pensulo libera
Sed malhelpas min edukado mizera!

Mi volas esti libera persono
sed malhelpas min muroj de prizono!

Mi volas esti saĝa patrioto
Sed malhelpas min fanatika idioto!

Mi volas esti bona civitano
sed malhelpas min hundoj de Tirano!

Mi volas vivi kiel fiŝo en maro
sed malhelpas min mia registaro!

Mi volas vivi laŭ mia naturo
sed malhelpas min la urba kulturo!



## Paŭlo Silas (Brazilo)



### ĈU RENASKIĜI?

Apud antikva vojmontrilo mi haltis.
Milon, naŭ centojn kaj naŭ dekojn da punktoj
Grizaj literoj fuŝindikis dum ardis,
Pinte de miaj manofingroj, sekundoj.

Unu sekundo bezonatas ankoraŭ.
Vivofadeno ne rompiĝu, bonvolu!
Forto ne fuĝu for de tiu ĉi kor' aŭ ...
Mian memecon mortoludo ne boru.

Erojn anstataŭ tuton havus mi tiam.
Korpojn aliajn, fremdajn, frostajn, krom mian.
Lasu mi kuri disde kava ĉerkujo.

Kanto senpaŭza feliĉigas pli multe.
Kial mi devus min kuŝigi mort-mute?
Vivo kaj morto kunfandiĝas en duon.

## Cezar (Germanujo)



### Espero—Esperanto

Ĉu espero
as eraro,
nebulstri' nur
dum la faro?

Esperanto

ĉu sur Tero
as nur vanto,
pavfiero?

Mi ne scias,
tamen revas,
ke l' vezik-esper'
ne krevas.

Ĝoj' pri ĝi
ja ĉiam estos,
Eĉ dum sed
kaj tamen restos.



## Vitor Mendes (Brazilo)






(kantteksto)

Lum' del sun'
Ĝin foli' tenas al si
Kaj verdo novas
en arb', en grac' , en viv', en fort', en lum'.
Blu-ĉiel' ĝi venas ĝis la pied'
Tuŝas la teron kaj ter- inspir-elspir' fariĝas
blue ĝi.
Riveret' ruliĝas,
iras al river', rivero al mar'
akvo rulas ree , rekte al la sablo hela
marŝas homo sur la grund'
kaj estas hela vund' ene de l' kora peco.
mastro de l' jes' kaj de l' ne
Kaj jen li staras ĉe vid' de senfina beleco
Kaj jen vundas li per man' tiun delikatecon la
aferon karan
La gloron de l' vivo
lum' de l' sun'
Ĝin foli' tenas al si
kaj verdo novas
en arb', en grac', en viv', en fort', en lum'

Riveret' ruliĝas,
iras al river', rivero al mar'
akvo rulas ree , rekte al la sablo hela
marŝas homo sur la grund'
kaj estas hela vund' ene de l' kora peco.
mastro de l' jes' kaj de l' ne
Kaj jen li staras ĉe vid' de senfina beleco
Kaj jen vundas li per man' tiun delikatecon la
aferon karan
La gloron de l' vivo
lum de l' sun'
Ĝin foli' tenas al si
kaj verdo novas
en arb', en grac', en viv', en fort', en lum'

## Guozhu (Ĉinujo)



# Rimportretoj

### *Chen Zutao*

Chen Zutao por aŭto-fabriko
luktis dum tuta viv' sen ĉeso.
Eĉ en kamparo sub opreso
de punlabora politiko



li faris aŭton por trafiko
plibona sur vilaĝ-loeso.
Chen Zutao por aŭto-fabriko.
luktis dum tuta viv' sen ĉeso.

Sed nun demando kun skeptiko:
Ĉu vere dumviva sukceso,
aŭ nur dumviva sen-sukceso?
Kiel pensas ĉina publiko?

Chen Zutao por aŭto-fabriko.

## Luo Yin（833—909）



Luo Yin — poeto emocia
vivis ĉiam sen sorto-benoj,
malsukcesi en ekzamenoj
por oficistig' imperia.

Ni legas kun sent' simpatia
pri lia koro per komprenoj.
Luo Yin — poeto emocia
vivis ĉiam sen sorto-benoj.

Responde al Yunying gracia
Kial ankoraŭ en ĉagrenoj
ŝimas? Humura dir' sen ĝenoj:
Ĉu ni malindas ol alia?

Luo Yin — poeto emocia.

## Jadranka Miric (Serbujo)



### Amo regu monden

Dum neĝo veas ekstere
arbo frostiĝas sfere.
Min varmigas amo via
eĉ en maljuna aĝo mia.

Vintra nebul` falinta
premas la bruston forte,
dum sun` ekleviĝinta
nebulon viŝis siasorte.

Min bluaj okuloj viaj gardas.
Dum steloj foraj trembriladas.
En blua senfina ĉiel` lume ili rajdas.

Naturo vekiĝas
lumigita brilas.
Oriente suno mateniĝas.

Vivu amo, kredo kaj maltristo,
ĉio en la nomo de kristo.

## Petro Palivoda (Ukrainio)



### Antaŭgardeco

Najbarino,
malklera
avino Maria,
diris,
rigardante
la televidilan
ekranon:
Verŝajne,
ili de tie
nin vidas.
Mi scias,
ke ŝi malpravis,
sed nun,
kiam mi
min alivestas,
aŭ (silentu!)
rekalkulas monon,
la televidilon
por ĉiu okazo
mi ĉiam malŝaltas.

## Nicolás Guillén (1902-1989)

### La murego

(kantteksto)

Por konstruo de murego
ni kunligu niajn manojn
negroj siajn manojn nigrajn
kaj blankuloj blankajn manojn.

Etendiĝu la murego

de la plaĝo ĝis la monto
de la monto ĝis la plaĝo
foren trans la horizonton.

Tok! Tok! Ĉe vok'
de dianto kaj de roz',
falu la murego.

Tok! Tok! Ĉe vok'
de soldato kun pistol',
staru la murego.

Tok! Tok! Ĉe vok'
de la laŭro kaj kolomb',
falu la murego.

Tok! Tok! Ĉe vok'
de skorpio kaj de dorn',
staru la murego.

Por la koro de amiko
falu la murego.
Por veneno kaj ponard'
staru la murego.
Por la merlo kaj la mento
falu la murego.
Por la dento de serpento
staru la murego.
Por la koro de amiko
falu la murego.
Por ĉe-flora najtingal'...

Ni konstruu la muregon
kunmetante ĉies manojn
negroj siajn manojn nigrajn
kaj blankuloj blankajn manojn.

Etendiĝu la murego
de la plaĝo ĝis la monto
de la monto ĝis la plaĝo
foren trans la horizonton.

Por la koro de amiko
falu la murego.
Por veneno kaj ponard'
staru la murego.
Por la merlo kaj la mento
falu la murego.
Por la dento de serpento
staru la murego.
Por la koro de amiko
falu la murego.
Por ĉe-flora najtingal'
falu la murego!



*Tradukis*



**Svena Dun (Hispanujo)**

## W. Szymborska(1923-2012)



## Demandoj faritaj al si mem

Kiu estas la enhavo de rideto
kaj de unu manpremo?
Ĉu en la don' de l' bonveno,
neniam vi lontanas,
kiel foje estas lontana
la hom' de la homo
kiam juĝas malinkline
je unua vido?
Ĉu ĉiun homan sorton
vi malfermas kiel libron,
ne en siaj pres-tipoj
ne en sia formo
serĉante kortuŝon?
Ĉu certe,ĉu ĉion
vi legas el la homoj?
Evitante veron
vi respondis svage,
etŝerco anstataŭ sincero-

Ĉu vi kalkulis la domaĝojn?
Neestigitaj amikecoj,
glaciitaj mondoj
Ĉu vi scias ke amikecon
oni kiel amon kunkreas?
Iu en ĉi peno severa
ne kuntenis la paŝon.
Ĉu en eraroj de amikoj
via kulpo ne estis?
Iu plendis kaj konsilis.
Kiom da larmoj sekiĝis
antaŭ ol vi helpvenis?
Kunrespondeca
pri la feliĉo de jarmiloj-
ĉu vi ne perdis
unuopan minuton
de la larmo, de la vizaĝ-grimaco?
Ĉu preterpasis vi neniam
la alies penon?
Staris la glas' surtable
kaj rimarkis ĝin neniu,
ĝis kiam ĝi falis
pro etgesto distra.

Ĉu inter rilatoj tra homoj
ĉio tiel simplas?

*Esperantigis*



**Helena Tylipska (Italujo)**

## Mikrorakonto

### Chi Zhanyong (Ĉinujo)

# Ĉasado al krimulo

"Ĉu vi ankoraŭ iras ĉasi la krimulon?"
Dek jaroj forpasis. La virino estis nur iom pli ol tridek-jara, sed ŝiaj haroj griziĝis. Antaŭ dek jaroj, ŝia trijara fileto estis forlogita de la viro, kun kiu ŝi konatiĝis sur konstruejo, kaj forvendita aliloken. Kvankam la krimkazo estis solvita, ŝia fileto tamen mortis dum revendado.
Ĉiujare la virino senescepte iris ĉasi tiun, kiu forprenis ŝian fileton el ŝia sino.
La sekvan jaron post la morto de sia fileto, ŝi eksedziniĝis.
Estis la viro, kiu kaptis ĉiujn ŝancojn doni helpon kaj zorgojn al ŝi. Kaj finfine ŝi emociiĝis kaj reedziniĝis al li. Ĉiufoje, kiam ŝi pretis foriri, li ĉiam zorgeme preparis vojaĝsakon por ŝi. Se li ne estis okupita, li foriris kune kun ŝi kaj penis ĉiurimede prizorgi ŝin dumvoje.
En printempo de la oka jaro, kiam ŝi estis forironta refoje, li diskrete demandis: "Foriri denove?"
Ekrigardinte lin, kiu ĉiam montris sin simpatia kaj zorgema al ŝi, ŝi sentis iom da bedaŭro. Jam kvin jarojn li senplende iradis tien kaj tien. Ili eĉ ne havas trankvilan vivon. Sed ŝi devas priserĉi la krimulon!
Rigardante ŝiajn okulojn kun firma volo, li retenis siajn vortojn.
En la naŭa jaro, ŝi denove pretigis sin foriri. Preparante pakaĵon, li ŝtelrigardis ŝian decideman konduton kaj refoje retenis siajn parolon.
En la deka jaro, kiam ŝi transiris la sojlon, li faris kelkajn provojn kaj finfine ekparolis: "Ĉu vi vere foriros? Ĉu vi povus ne foriri serĉi la krimulon?" Findirinte, li amare kaŭriĝis, kun la kapo inter siaj femuroj.
"Mi volas serĉi. Mi volas eltrovos la krimulon. Se mi kaptus lin, mi ne povus fermi miajn okulojn, eĉ kiam mi mortos." Ankaŭ ŝi ekploris.
Abrupte li stariĝis. Kun fortostreĉiĝo li laŭte kriis: "Tiu, kiun vi vvolas serĉi, estas mi!"
La virino stuporiĝis.
"Post kiam mi faris tion, mi sentas profundan pentemon. Dum ĉi tiuj jaroj, mi devigas min prizorgi vin kiel bovo por ripari mian krimon…"
"Sed vi tute ne estas li!"

"Mi jam ŝanĝis mian vizaĝon per operacio."



*Elĉinigis* **Wen Zhang (Ĉinujo)**

**Programo 2014 de la franca Esperanto-kastelo Greziljono**

2014-apr-19/26: FRINGOJ, renkonto inter grupoj de esperanto-lernantoj kaj iliaj instruistoj.

2014-apr-26/maj-04: PRINTEMPaS, intensivaj kursoj en 3 niveloj, internaciaj KER-ekzamenoj B1-C1. Rete: gresillon.org/printempo

2014-maj-08/11: Kantado de korusaro Interkant'

2014-maj-11/17: Renkonto de rememoroj inter malnovaj esp-istoj kaj iamaj gastoj de Greziljono. Rete: gresillon.org/s1

2014-jun-29/jul-06: Turisma semajno, tuttagaj ekskursoj al reĝaj kasteloj ĉe rivero Luaro kaj rezidejoj de renesancaj artistoj. Rete: gresillon.org/s2

2014-aŭg-01/09: Sennacieca semajno kun kursoj, ekskursoj kaj prelegoj, antaŭ SAT-kongreso. Rete: gresillon.org/s3

2014-aŭg-09/17: Festa Semajno por infanoj, adoleskantoj, junuloj, familioj, SAT-Infankongreseto. Rete: gresillon.org/s4

2014-okt-24/nov-01: AUTUNE, la komunaj ferioj por infanoj, familioj kaj geavoj.

Adreso: MCE, Grésillon, St. Martin d'Arce, 49150 BAUGE-EN-ANJOU, France

Telefono: 02.41.89.10.34

Retpoŝto: kastelo@gresillon.org

Retejo: gresillon.org



# Ĉineske

## Zhuang Qixiong (Ĉinujo)



## Gratulon al Literatura E-rondo

—laŭ ĉinesko Qinyuanchun*

En tridek tri
koroj ĝermis
Verda aŭror'.
Pene laboru
en proza viv';
Sukcesu per
nobla fervor'.
En animo
fajretos trans
tempa kaj spaca memor'.
Sur ekran'
la fingroj penis
por bonodor'.

E-evoluos per
granda plan'
kun justa valor'.
Ageme strebu
kaj praktiku;
Daŭre semu
pro gaja kor'.
Ŝipu kun Vi ,
al nova jar'.
Ĝojas tero pro favor'.
E-rondo
ĉiam resonos
en nia glor'.

2014-1-1
Nankino



## Vejdo (Ĉinujo)



### Responde al sinjoro Zhuang

—laŭ ĉinesko Qinyuanchuan*

jes, la rondo
ekis paŝi
jam sen langvor'
sur la longa voj'
por esplori
por prifosi
ja kun fervor'
brilajn erojn
de beletra
la Esperanta trezor'
iomajn
tamen indaĵojn
de la valor'

per persista labor'
ni penu
kun sincera kor'
do fosu sulkon
nian propran
kaj marŝadu
ja kun ignor'
al primokoj
al rikanoj
jen por nia verda glor'
senhalte
agu peneme
en ĉiu hor'

**Qinyanchun (Printempo en la ĝardeno Qin): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun po 13 versoj de 444,5444,447,354 / 6,35,5444,447,354 silaboj laŭ rimarango xxa,xxxa,xxa,xxa / a,xa,xxxa,xxa,xxa (x = senrima)*

## Jadranka Miric (Serbujo)

### Sopiro

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Ekbrilos
jarŝanĝa festo
en ĉi solena nokto.
Belas pli nia nesto
ol ŝika vesto.

Ruĝa vin'
en glasoj plenaj,
makulita tablotuk'
kiel vangoj niaj, kaj
kisoj pasiaj.

Deziro
intimigas nin.
Ekis amoteksado .
Oni kaŝis sin
malantaŭ pin'.

Tintintis
murhorloĝo, ve
neniu aŭdis bruon.
Nek sonorilegon ĉe
la pordegon, ve!

Lunlumo.
Meznokte kun ni
ekis piroteknikaĵ'.
"ĉe ni, same," diris vi
ride pli kaj pli.



### Memoroj

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Pluveto
ĉi-nokte ,rara.
La memoroj vekiĝas,
pri vojeto kampara

kaj foliara.

De post pluv`
mateniĝos sun`.
Ĉielo sereniĝos.
Vi diris,amo aŭ pun`,
kun vi aŭ malkun.

Forgeso
ja,estas kulpa.
Freŝe vivas la vortoj.
Ĵaluzo vere vulpa.
Tempo kunkulpa.

Rakonto
certe malgaja.
Provoka diafane.
Afero ruza , kaja.
Ja,tre malgaja.

Pluvas plu.
Vundita koro .
Memorojn viŝas larmoj..
Saniga estas ploro.
Savo por koro.

**Sopir-al-sudo (ĉine: Yijiangnan): ĉina fiksforma poemo el kvin versoj de 35,77,5 silaboj laŭ rimaranĝo xa,xa,a (x=senrima).*

## Se vi dirus

—laŭ ĉinesko Pozhenzi*

Se vi, amatino
dirus nur, karulo,
ja, atendu, ekviŝu
larmojn en la spegulo
de la okulo.

Kverel’ kaj miskompren’
foje okazita.
Subite okazinta
subite forigita.
Ja, forgesita.

**Pozhenzi (Kavalira danco): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun po 5 versoj de 66,77,5 silaboj, laŭ rimaranĝo xa,xa,a (x = senrima)*

## Eĉino (Ĉinujo)

## Tri Fotoj

—laŭ ĉinesko Daolianzi*

1.

Jen ĉambro
mamona
por riĉul' miliona.
Amasas bankbiletoj.
Ĉie ornamo mona.



2.

Jen fot' pri
danĝero.
Knabino sen espero.
Ŝi vokas sur fekabo:
"Tro altas la papero!"



3.

Jen foto
senpruda
pri la infano kruda.
Petole li rigardas
pugon de ino nuda.



*2014-01-08*

**Daonianzi (Kanto de lavantino): ĉina fiksforma poemo el 5 versoj de 33,7,77 silaboj, laŭ rimaranĝo*

*xa, a, xa (x=senrima)*

## Lily (Ĉinujo)

# Amludo en akvo

—laŭ ĉinesko Guizhixiang*

En sunradi'
mi iris naĝi
en lag' kun li.
Nudaj ni brakumis
nin kun pasi'.
Lia kac' erektiĝis
rigide
jen kontraŭ mi
je mia sub',
frotis min per
tikla magi'.

En soifa agoni'
mi lin algluis
jam kun ĝemkri'.
Li rekte enŝovis
kun am-mani'
la stangon en vaginon
profunde
kun puŝ-seri'.
Mi tordiĝis
elĉerpite
en ĝoj-ebri'.

**Guizhixiang (Aroma laŭrbranĉo): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun po 11 versoj de 4, 54, 64,734,444 / 7,54,64,734,444 silaboj, laŭ rimarangô a,xa,xa,xxa,xxa / a,xa,xa,xxa,xxa (x=senrima)*

## Maupassant (1850-1893)



# LA LIPHAROJ

*Kastelo de Solles,*
*lundon la 30an de julio 1883.*

Mia kara Lucia, nenio novas. Ni vivas en la salono rigardante la falantan pluvon. Dum tiuj aĉaj veteroj ni apenaŭ povas eliri ; tiam ni ludas komedion. Ho, kara mia ! Kiom ili estas stultaj, la salonteatraĵoj de la nuna repertuaro. En tiu ĉi, ĉio troigas, krudas, plumpas. La ŝercoj trafas kvazaŭ kanonkugloj, frakasante ĉion. Nenia eleganteco, nek spriteco, nek senafekteco, nek bonhumoreco. Vere tiuj literaturistoj nenion konas pri la mondumo. Ili tute nescias, kiel ni pensas kaj parolas en nia societo. Mi plene permesus al ili, ke ili malestimu niajn morojn, konvenciojn kaj manierojn, sed mi tute ne permesas al ili, ke ili tute ne konas tiujn ĉi. Por ŝajni spritaj, ili kreas vortludojn, kiuj amuzus nur kazernulojn ; por aperi gajaj, ili servas al ni spritaĵojn, kiujn ili devis rikolti ĉe la altaĵoj de la ekstera bulvardo, en tiuj bierejoj nomataj de artistoj, en kiuj oni ripetas jam de kvindek jaroj la samajn studentajn paradoksojn.

Fine ni komedias, kaj ĉar ni estas nur du virinoj, mia edzo rolas la servistinojn, kaj pro tio li razis sin. Vi ne imagas, mia kara Lucia, kiom tio ŝanĝas lin ! Mi ne rekonas plu lin… nek tage, nek nokte. Se li ne lasu rekreski senprokraste siajn lipharojn, mi kredas, ke mi fariĝus malfidela al li, tiom tiel li malplaĉas al mi.

Vere, viro sen lipharoj ne estas plu viro. Mi ne multe ŝatas la barbon ; ĝi preskaŭ ĉiam mienas viro kiel vulgarulo, sed la lipharoj, ho la lipharoj ! nepre necesas al vira fizionomio. Vere, neniam vi povus imagi, kiom tiu eta harbroso sur lipo utilas al la okuloj kaj… al la… rilatoj inter geedzoj. Pri tio alvenis al mi amaso da pripensoj, kiujn mi ne preskaŭ aŭdacas skribi al vi. Mi volonte mallaŭte flustrus ilin al vi… en la orelon. Sed por esprimi iujn aferojn, la vortoj estas tiom malfacilaj por trovi, kaj iuj el ili, kiujn oni ne multe povas anstataŭi, prezentas sur la papero tiom malbelan figuron, ke mi ne povas skribi ilin. Kaj poste, la temo estas tiom malfacila,

tiom delikata, tiom tikla, ke necesus senfina scienco por ektrakti ĝin sen danĝero.

Fine ! Domaĝe se vi ne komprenas min. Poste, kara mia, provu iom subkompreni.

Jes, kiam mia edzo alvenis al mi razita, mi tuj komprenis, ke neniam mi povus adulti kun histriono aŭ predikisto, eĉ se li estus la pastro Didono, la plej alloga el ĉiuj ! Kaj kiam pli poste mi trovis sola kun li (mia edzo), tio estis ankoraŭ pli malbone. Ho ! Mia kara Lucia, neniam lasu kisi vin de viro sen lipharoj ; liaj kisoj havas nenian guston, nenian, nenian ! Tio ne havas plu tiun ĉarmon, tiun bonguston kaj tiun… pipron, jes, tiun pipron de vera kiso, la lipharoj estas la pimento de la kiso.

Imagu, ke oni almetus sur viajn lipojn sekan… aŭ malseketan pergamenon. Jen la kareso de razita viro. Vere ĝi ne indas.

De kie venas do la logo de la lipharoj, vi diros al mi ! Ĉu mi scias ? Unue ili tiklas per agrablega maniero. Oni sentas ilin antaŭ la buŝo, ili pasigas tra la tuta korpo, ĝis la piedpintoj, ĉarman tremeton. Ili karesas, tremetigas kaj ekskuigas la haŭton, donas al la nervoj tiun ĉarman vibradon, kiu eligas tiun etan "Ha!", kiel se oni frostus.

Kaj sur la kolo ! Jes, ĉu vi jam sentis lipharojn sur via kolo ? Tio ebriigas kaj agacas vin, malsupreniras en la dorson, kuras sur vi ĝis la pintoj de la fingroj. Oni tordiĝas, oni skuas la ŝultrojn, oni malantaŭen klinas la kapon ; oni samtempe volus fuĝi kaj resti ; tio estas adorinda kaj incita ! Sed kiom estas bone !

Kaj poste… vere, mi ne aŭdacas plu ! Edzo kiu amas vin, sed tiam plene amas vin, scias trovi amason de etaj anguloj, kie li povas kaŝi siajn kisojn, etaj anguloj al kiuj ni apenaŭ pripensus tute sola. Nu, sen lipharoj, tiuj kisoj ankaŭ multe perdus siajn gustojn, ne konsiderante, ke ili fariĝus preskaŭ malkonvenaj ! Klarigu tion, kiel vi povus. Pri mi jen la kialo, kiun mi trovis. Lipo sen lipharoj estas nuda kiel korpo sen vestoj ; kaj vestoj, eĉ tre malmulte, ĉiam necesas !

La Kreinto (parolante pri tiuj aferoj, mi ne aŭdacas skribi alian vorton), la Kreinto prizorgis vuali ĉiujn ŝirmejojn de nia karno, kie devas kaŝiĝi amo. Razita buŝo ŝajnas al mi simili dehakitan boskon ĉirkaŭ ia fontano, kie oni iris trinki kaj dormi.

Tio memoras al mi frazon de politikisto, ĝi trotas en mia cerbo jam de antaŭ tri monatoj. Mia edzo, kiu sekvas la gazetaron, legis al mi iun vesperon diskurson ja bizaran de nia ministro pri agrikulturo, kiu tiam nomiĝis S-ro Melina. Ĉu li jam estis anstataŭita de alia ? Mi ne scias.

Mi ne aŭskultis, sed tiu nomo Melina trafis min. Ĝi memoris al mi, mi ne tro scias kial, scenojn el la Bohemio. Unue mi kredis, ke temis pri koketa modistino. Jen kiel kelkaj vortoj el tiu oratoraĵo eniris en mian kapon. Do S-ro Melina alparolis Amienanojn, mi ja kredas, per tiuj vortoj kies sencon mi serĉis ĝis nun : " Ne estas patriotismo sen agrikulturo ! " Nu, tiun sencon mi trovis post momento ; kaj miavice mi deklaras, ke ne estas amo sen lipharoj. Tiel dirite, tio ŝajnas amuza, ĉu ne ?

Ne estas amo sen lipharoj !

" Ne estas patriotismo sen agrikulturo " asertis S-ro Melina ; tiu ministro pravis, nun mi komprenas kion li volis diri !

Pri tute alia vidpunkto, la lipharoj estas ankaŭ ĉefaj. Ili determinas la fizionomion. Ili aspektigas vin milde, tenere, violente, aŭ kvazaŭ infanvorulo, diboĉulo, flirtemulo ! La viro kun barbo, vera barbo, tiu kiu surhavas siajn tutajn harojn sur la vangoj neniam havas delikatan vizaĝon, ĉar liaj trajtoj estas kaŝitaj. Kaj la formo de la makzelo kaj mentono multe diras al tiu, kiu scias rigardi.

La viro kun lipharoj konservas samtempe sian propran sintenon kaj sian delikatecon.

Kaj kiom tiuj lipharoj havas variajn aspektojn ! Jen ili estas kuspaj, frizaj, koketaj ; tiuj ŝajnas precipe ami la virinojn ! Jen ili

estas pintaj, pikaj kvazaŭ kudriloj, minacaj ; tiuj preferas la vinon, la ĉevalojn kaj la batalojn.

Iafoje ili estas enormaj, pendantaj, teruraj ; ĝenerale tiuj dikaj lipharoj trompkaŝas bonegan karakteron, bonecon kiu tuŝas al la malfirmeco, kaŝas mildecon, kiu proksimas al la timideco.

Kaj poste, tio kion unue mi tre ŝategas en la lipharoj, estas ke ili estas francaj, ja francaj. Ili venis al ni de niaj prapatroj la Galloj, kaj fine ili restadis la signo de nia nacia karaktero.

Ili fanfaronas, estas galantaj kaj bravaj. Ili afable malsekiĝas kun vino kaj scias ridi elegante, dum la larĝaj barbaj makzeloj estas mallertaj, kion ajn ili faru.

Vidu, mi memoras pri afero, kiu plorigis al mi ĉiujn miajn larmojn, kaj ankaŭ, mi nun rimarkas tion, ami la harojn sur la lipoj de la viroj.

Tio okazis dum la milito, en la patra domo. Tiam mi estis ankoraŭ fraŭlino, kaj iam oni interbatalis proksime de la kastelo. Jam matene mi aŭdis la kanonon kaj la fusiladon, kaj vespere germana kolonelo eniris hejmen, kaj enloĝiĝis. La postan tagon li foriris. Tiam oni venis por averti patron, ke estis multaj mortintoj en la ĉirkaŭaj kampoj. Patro levprenigis ilin kaj kunportigis ilin ĉe ni, por ke oni enterigu ilin kune. Laŭmezure, kiam oni alportis ilin, oni kuŝigis ilin ĉe la du flankoj de la granda avenuo de abioj. Sed pro tio ke ili komencis malodori; oni ĵetis teron sur la korpojn atendante, ke oni fosu grandan fosaĵon. Tiamaniere oni ekvidis nur la kapojn kun la okuloj fermitaj, kiuj ŝajnis eliri el la grundo, flavajn kvazaŭ la tero.

Mi volis vidi ilin; sed kiam mi ekvidis tiujn du grandajn liniojn de forlogaj vizaĝoj, mi kredis, ke mi tuj svenos; poste mi ekzamenis tiujn vizaĝojn, unu post unu, serĉante diveni, kio tiuj homoj estis kiam ili estis ankoraŭ vivantaj.

La uniformoj estis superkovritaj, kaŝitaj sub la tero, kaj tamen subite, jes kara mia, subite mi rekonis la francojn, pro iliaj lipharoj !

Iuj sin razis la tagon de la batalo, kvazaŭ se ili volus esti koketaj ĝis la lasta momento ! Tamen ilia barbo iom rekreskis, ĉar vi scias, ke ĝi ankoraŭ kreskas post la morto. Aliaj ŝajnis razitaj jam de unu semajno ; sed ĉiuj havis la francajn lipharojn, bone distingeblajn, la fierajn lipharojn, kiuj ŝajnis diri: " Ne konfuzu min kun mia barba najbaro, etulino, mi estas frato. "

Kaj mi ploris, ho ! Mi ploris pli multe ol se mi ne rekonus tiujn kompatindajn mortintojn.

Mi malpravis rakonti tion al vi. Nun mi estas malgaja kaj nekapabla pli longe babili.

Nu, adiaŭ, mia kara Lucia, mi tutkore brakumas vin. Vivu la lipharoj !

Johana.

La 31an de julio 1883.

*Elfrancigis*

**Noĉjo Lagrafo (Francujo)**

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_
Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: No.-3-2 de la 5-a etaĝdomo
de No. 19, Wujiang St., Jiangbei Distrikto,
Chongqing, 400020, Ĉinio
Tel: (023) 67095890 (hejme)
Retadreso: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm aŭ http://gazetejo.org/eo/penseo
◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_